ROK XXV.
LISTOPAD
N-r 11.




JARO XXV.
NOVEMBRO
N-o 11.

Monumento de Kopernik en arkada korto de Universitata Biblioteko en Kraków.

# ESPERANTYSTA POLSKI
# POLA ESPERANTISTO

WYDAWCY: ELDONANTOJ: POLA ESPERANTISTA KLUBO & SOCIETO ESPERANTO EN KRAKÓW

ADRES REDAKCJI I ADMINISTRACJI: KRAKÓW, ul. LUBICZ 34

REDAKTORZY PROF. DR. ODO BUJWID TADEUSZ HODAKOWSKI REDAKTANTOJ

REDAKTOR ODPOWIEDZIALNY: JULJUSZ KRISS.

---

PRENUMERATA: rocznie Zł. 8.—, półrocznie Zł. 4.—. Dla towarzystw i grup esperanckich (przy przesyłce najmniej 5 egz. pod jednym adresem) roczna prenumerata Zł. 6.—.

ABONO: jare Zł. 8.—, duonjare 4.—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj (ĉe sendo de minimume 5 ekz. al unu adreso) jarabono Zł. 6.—

Konto Pocztowej Kasy Oszczędności Kraków Nr. 406.660.

Eksterlande jarabono — 1 dolaro.

Pojedynczy numer Zł. 0.70 Aparta numero.

---

| OGŁOSZENIA: | | ANONCOJ: | |
|---|---|---|---|
| 1 strona | Zł. 60·— | 1 paĝo | Zł. 60·— |
| 1/2 strony | „ 32·— | 1/2 paĝo | „ 32·— |
| 1/4 strony | „ 17·— | 1/4 paĝo | „ 17·— |
| 1/8 strony | „ 10·— | 1/8 paĝo | „ 10·— |

---

**PRZEDSTAWICIELE — REPREZENTANTOJ.**

**Katowice:** Soc. de Esper. Amikoj, Wawelska 3.
**Paryż:** S. Grenkamp, Paris 6. 4 rue de Vaugirard.
**Warszawa:** Pola Stud. Esperantista Societo, Leszno 99. m. 5.

Przyjmują zamówienia abonament. i ogłoszenia do „Polskiego Esper." i „Pomocniczego Języka Świat."

Akceptas abonojn kaj anoncojn por „Pola Esperantisto" kaj „Pomocniczy Język Światowy".

---

**WAŻNE DLA CHCĄCYCH KORESPONDOWAĆ Z ZAGRANICĄ!**

**Atentu! Ni malfermas en nia revuo la fakon: „Korespondado".**
**Anonceto de 10 vortoj (krom adreso) kostas Zł. 1.—**
**Enpagu tuj je nia PKO. Konto 406.660.**

---

**DO P. T. CZYTELNIKÓW!**

**Upraszamy uprzejmie P. T. Czytelników o załączanie znaczka pocztowego na odpowiedź, przy wszelkiej korespondencji, zarówno redakcyjnej jak i administracyjnej.**

---

**Do niniejszego numeru „Pola Esperantisto" dołączamy, jako bezpłatny dodatek, prospekt „Polskiego Kalendarza Astrologicznego r. 1932". Fr. A. Prengla.**

# POLA ESPERANTISTO

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE.

# ESPERANTYSTA POLSKI

MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ.

ROK XXV JARO | KRAKÓW LISTOPAD 1931 NOVEMBRO | Nr 11 N-o

## PARIZO ATENDAS.

Niaj universalaj kongresoj estas kvazaŭ distancmezuraj kolonoj sur vojo al plena venko de nia ideo. Ĉiujare starigataj, kun granda dummilita paŭzo, obstine, malrapide signas la iratan vojon en sopiratan landon de belaj revoj kaj pensoj. Sed ĉu nur revoj? Ja ne! Tiujn ni kutimas konsideri nur kiel belajn agrabligilojn de la penplena vivo, kaj Esperanto en niaj manoj ne estas ludilo, sed io absolute reala kaj vivipova. La kolonoj-kongresoj mezuras la vojon, proksimigas nin al la celo.

De la kongreso al la kongreso ni esprimas ĉiam niajn esperojn, ke la plej proksima estos certe breĉ- aŭ epokfara. Ni ŝatus vidi nian venkon kiel eble plej rapide. Ne mirige! Transiri el landoj de belaj revoj, sed nur revoj, en landon de bela realeco — kiu ne ŝatus?

La kongreso en Kraków okazis, pasis. Nun atendas nin nova en Parizo, kiu certe havas pli bonajn ŝancojn fariĝi plensukcesa. Pripensu nur: la kongresurbo estas konata „metropolio" de l' mondo, kun siaj multaj, multegaj vidindaĵoj kaj allogaĵoj. Ĉu oni povas kredi, ke estas ie la homo, kiu povus kontraŭstari al ĉarmo de la urbo kaj en siaj efektivigotaj planoj ne posedi ankaŭ la vojaĝon al Parizo? Certe ne!

Ni eluzu tiun unikan okazon veturi al Parizo, profiti multajn avantaĝojn, kiujn preparas la aranĝantoj, partopreni la kongreson kaj kontribui al ĝia brila sukceso, kiu absolute estas senduba.

Parizo estu nia veksignalo de la propaganda laboro en la plej proksima periodo! La spertoj faritaj ĝis nun en Kraków, kie Pollanda Esperanto-Instituto, organizante la kursojn, faris tiujn, varbante por Parizo, estas treege bonaj. Multaj homoj aliĝas la kursojn, intencante partopreni la kongreson.

Tial en nia poresperanta varba laboro ni ĉie parolu nun pri la kongreso en Parizo kaj ni certe ne malsukcesos.

Do, al Parizo, al Parizo!!

**Tad. Hodakowski.**

# LA GRAVA PROBLEMO.

Raportoj pri la ĉiujare okazanta kongreso prezentas laŭdon aŭ kritikon de diversaj kongresaj aranĝoj, priparolas la eksteran flankon de la kongreso, glitante facile kaj depende de personaj spertoj moke, ŝerce aŭ riproĉe tra diversaj mal- aŭ sukcesoj de la aranĝoj. Laŭ tiu ĉi opinio esprimata en la gazetaro oni nomas la kongreson sukcesa aŭ riproĉinda.

Krom tiu ĉiu ĉiam priparolata flanko ekzistas ankoraŭ alia, pri kiu oni persiste pro nedifinitaj kaŭzoj silentas kaj pri kiu oni povas post kelkaj monatoj trovi mallongan ciferan raporton. Ĝi estas la financa flanko de la kongreso, kiu estas tro enuiga por ĝin atente trastudi kaj tial elvokas neniun eĥon. Pri ĝi oni nenion volas aŭ povas skribi. Kaj se ĝi jam estas publike tuŝata, tiam ĝi laŭtkrias kiel la konata „Viena deficito". Sed eĉ en tiuj momentoj oni ĝin aliras de malĝusta flanko. Oni parolas tiam pri la etiko, ne tuŝante la kaŭzon.

Estas bone sciate, ke la kongreson aranĝas nia centra organizaĵo, I. C. K. laŭ invito de landa asocio. Sed nura invito de la landa asocio ne sufiĉas. Estas necesa invito de la urbo, kie la kongreso devas okazi. La invito devas ĉiam esti akompanata de financa garantio, ke la urbo subvencios la aranĝojn de la kongreso per ia monsumo, kiu eventuale sufiĉos por kovri la deficiton. Ni ĉiuj konscias, ke la kongresurbo ne faras malbonan negocon, ĉar kvankam ĝi elspezas ian monsumon, tamen multoblo de la sumo restas en la poŝoj de la urbanoj. Sed ne pri tio temas. Kiel mi jam pli supre diris, la kongreson aranĝas I. C. K. El tio logika konkludo, ke I. C. K. zorgas pri ĝia financa flanko, pri ĝia mona sukceso, respondas do ankaŭ pri ĝia malsukceso. Sed I. C. K.-on ne regas tia logiko! Ĝi observas alian vidpunkton, kiun oni povas esprimi mallonge tiamaniere: ni estas regantoj, do por ni ĉion!

Ke tiuj ĉi asertoj ne estas nuraj vortoj, mi tuj ilin pruvos. I. C. K. enkasigas 20% de la enpagitaj kotizoj indiferente ĉu la kongreso estas finance sukcesa aŭ deficita. I. C. K. devigas la kongresan kason pagi kostojn de la restado de sia direktoro dum la kongreso malgraŭ tio, ke la direktoro estas devigita oficiale partopreni la kongreson kiel ĝia oficisto kaj reprezentas ĝiajn interesojn. I. C. K. enspezas $^{2}/_{3}$ da eventuala gajno de la kongreso malgraŭ, ke ĝi nenion aldonis por ĝia sukceso kaj malgraŭ tio, ke inversa dispartigo de la gajno estus pli valora por plifortigo de la enlanda propagando. Mi povus ankoraŭ citi aliajn devigojn surŝutatajn sur la kongresan kason, sed mi esperas, ke la supraj sufiĉos por subteno de miaj vortoj. Ĉiu prudenta homo opinius laŭ tio, ke estas devo de I. C. K. respondi ankaŭ pri la financoj. Ne, I. C. K. ne pagas eventualan deficiton! Ĝin pagu la aliaj: urbo, ŝtato aŭ oferemaj kaj facilanimaj samideanoj!

Certe multaj samideanoj komprenos mian artikolon kiel atakon kontraŭ nia ĉefa organizaĵo, I. C. K. Ne, tio ne estas mia intenco! Mi bone komprenas kaj konscias la neceson de tiu ĉi centrejo, kiu estas reprezentanto de nia verdstela ŝtato — Esperantujo. Mi volas nur batali kontraŭ la ĝis nun reganta sistemo de nerespondeco tiu-

rilate de I. C. K. Ĉiu, kiu aranĝas kaj profitas de iu entrepreno, devas esti nepre responda pri ĝia financa flanko. Kial I. C. K. estu escepto? Kial institucio, kiu ĉerpas sufiĉe abunde el la rapide sekiĝanta fonto de kongresa kaso, estu liberigata de tiu ĉi ĉie reganta devo?!

La problemo devas esti nepre solvota!

Mi ĵetas la temon por diskuto, kiu povas fariĝi unu el plej interesaj dum nia plej proksima kongreso! **Alf.**

# ION POR PRIPENSI.

Forpasis jam la tagoj de la 23 Universala Kongreso en Krakovo kaj nun estas necese pripensi pri la rikolto de la fruktoj de ĝi semitaj. Oni devas konstati, ke la Kongreso, pli aŭ malpli sukcesinta, havis, tamen, grandajn propagandajn valoron kaj signifon, populariganta Esperanton inter la plej diversaj medioj de la socio. Ni ŝuldas tion, ĉefe al la sufiĉe bona gazetara servo prikongresa.

Sed, se ni pritraktos la esperantan situacion en nia lando, ni povos rimarki plenan senplanecon en la laboro poresperanta kaj eĉ pli, tutan mankon de la gvidantaj respondecaj organoj. Tiu senplaneco evidentiĝis jam dum niaj landaj kongresoj, kiam ofte, sufiĉe multnombraj partoprenintoj el diversaj anguloj de Polujo, alveninte al la Kongreso devis elcerbumi iun ajn tagordon, ĉar la koncernaj aranĝintoj ne scipovis prepari ĝin. Kompreneble, ke temas pri la laborkunsidoj de P. E. D. Dum unu el la „konferencoj" oni, ekzemple, faras ŝanĝojn en la statuto, dum la alia oni forgesas pri ili aŭ ekkomencas „de ovo". Dum unu el la kunsidoj oni decidas aldoni 10% al societaj pagoj por „Konstanta Reprezentantaro", poste evidentiĝas, ke kasisto mem ne scias, kiom ĝenerale pagas la membroj-societoj. Tian senplanecon kaj malordon oni povus, bedaŭrinde, citi multfoje. La Plenumkomitato de P. E. D. fakte ne ekzistas kaj la tutan laboron prizorgas unu persono, certe tre populara kaj konata.

Por likvidi tian nenormalan staton, malebligantan la disvolviĝon de nia movado en Polujo necese estas fondi Centran GVIDANTAN Organizon kun taŭgaj respondecaj personoj. Tiucele necese estas kunvoki la konferencon de P. E. D. kun a n t a ŭ e zorge preparita kaj sciigita tagordo. Tion diktas la nuna momento por la bono de la esperanta movado en Polujo.

Vera Centro de nia movado nun estas tre bezona!

**I. Dratwer**, Warszawa.

## RESPONDO.

La ĉi supran artikolon ni enpresis tute lojale sen iaj ajn ŝanĝoj, kvankam ni malsamopinias. Ĉiuj scias bone, ke la centraj organizaĵoj de la Esperanto-movado de Polujo troviĝas en Kraków. Ĉiuj ankaŭ scias bone, ke la personoj, kiuj laboris por organizi la Universalan Kongreson kaj formis LKK-on, apartenas ankaŭ al pollandaj centraj organizaĵoj, kaj la kongresprepara laboro estas ĝuste laboro de PED. Do PED, pli vere PED-anoj ne mallaboris, sed laboregis dum la tuta longa jaro, kvankam oficiala firmo, sub kiu oni faris la laboron, estis alia. Jes, sed nun tio jam ne sufiĉas. La kongreso plivigligis la mo-

vadon en la tuta lando kaj la movado bezonas nun v e r e aktivan centran organizaĵon kaj estas necese, ke ĉiuj societoj pli vigle laboru ol tio ĝis nun okazis. Estas ankaŭ necese, ke la laboro estu pli laŭplana ol ĝi estis ĝis nun. Tial oni devas kiel eble plej rapide kunvoki konferencon de PED. Eble jam en januaro por ne prokrasti kaj ne perdi la nunan favoran okazon. Kiu urbo invitos? Plej bonaj estas centre situitaj en la ŝtato. Bonvolu sendi la proponojn. Red.

**BOLESŁAW PRUS.**

# VIVA TELEGRAFILO

Dum vizit' en orfejo grafino rimarkis sur koridoro strangan scenon: kvar knaboj elŝiradis al si reciproke ĉifonitan libron, sufiĉe vigle interbatante.

— Ŝajnas al mi, infanoj, ke vi malpacas?... — ekkriis la timigita sinjorino. — Pro tio neniu ricevos kukon kaj krome vi devos genui.

— Ĉar sinjorino, li forprenis mian Robinsonon! — klarigis unu knabo.

— Malvero, ĉar li prenis . . . — neis l' alia.

— Vidu, kiel li mensogas! — ekkriis la tria. — Estis vi, kiu prenis mian Robinsonon.

La vartistino klarigis al la sinjorino, ke malgraŭ diligenta zorgado similaj akcidentoj okazadis sufiĉe ofte, ĉar l' infanoj soifas legadon kaj librojn la instituto ne posedis.

En la koro de l' grafino ekflagris iu fajrereto. Ĉar tamen lacigis ŝin pensado, tial ŝi klopodis forgesi pri tio. Nur en salono de konsilano, kiam decis paroli pri aĵoj piecaj kaj bonfaraj, ŝi priskribis l' akcidenton en l' orfejo kun la klarigo de l' vartistino.

La konsilano aŭskultante ekhavis nekutiman senton kaj estante pli sperta en pensado konkludis, ke oni devus sendi librojn en l' orfejon. Li eĉ rememoris, ke ie en ŝranko aŭ en kesto li posedas tutan amason da putrantaj presaĵoj, kiujn li iam aĉetadis por siaj infanoj tamen... tro peza li estis por fosi en malnovaĵoj.

Vespere la konsilano trovis sin ĉe sinjoro Z., kies tuta vivo plenigita estis per plenumado de etaj servoj al la homaro. Dezirante fari al li plezuron, la konsilano rakontis al sinjoro Z., kion la grafino vidis en l' orfejo kaj aŭdis de l' vartistino, aldonante siaflanke, ke decus prizorgi librojn por l' orfoj.

— Nenio pli simpla! — ekkriis sinjoro Z. Mi iros morgaŭ en la redakcion de Kurjero kaj influos, ke ili faru anoncon.

La sekvintan tagon sinjoro Z. spiregante kuris al Kurjero, je ĉiuj sanktaĵoj petegis la redakcion, ke ĝi alvoku la publikon al kolektado de libroj por l' orfoj.

Li havis bonŝancon, ĉar mankis por la numero kelklinia sensaciaĵo. Do la referanto de bonfara fako sidiĝis kaj skribis:

„Areto da infanoj, restantaj en publika zorgado, suferas pro manko de libroj.

„Etuloj sopiras".

„Memoru pri malsataj animetoj!"

Post kio fajfante li foriris tagmanĝi.

Kelkajn tagojn poste, dimanĉe, antaŭ la fermita pordo de l' redaktejo mi renkontis homon malriĉe vestitan kun manoj nigraj pro laboro, kaj kun li malgrandan knabineton, portantan pakajon da malnovaj libroj.

— Kion vi deziras?

La homo demetis la ĉapon kaj respondis modeste:

— Ni alportis, sinjoro, kelkajn librojn por tiuj „malsataj", pri kiuj vi skribis...

Kaj la malgrasa knabineto salutis, kiom tion permesis al ŝi komenco de klorozo.

Mi prenis la librojn kaj transdonis al la redakteja knabo.

— Kiel vi estas nomata? — mi demandis.

— Kaj kial vi demandas? — li respondis konfuzite.

— Ni devas presigi, kiu donacis la librojn.

— Ho, nebezone, sinjoro, mi estas ja malriĉa homo, el fabriko de ĉapeloj... Tio ne estas bezona...

Kaj li foriris kun la mizera filino.

Apud mi staris instruita profesoro de fiziko, kaj certe pro tio mi ekpensis pri — telegrafilo de nova konstruo.

Elsenda stacio estis l' orfejo, riceva — la laboristo de ĉapelfabriko; kiam l' unua signalis „atent' ", l' alia tuj respondis. Kiam unu ekpostulis, l' alia alportis.

Ni ceteraj funkciis kiel telegrafaj stangoj.

**El la pola lingvo esperantigis Baroko.**

TADEUSZ BILIŃSKI.

# HOMO SEN NOMO.

— Mi tre bedaŭras — sinjoro — sed . . . hodiaŭ la konjunkturo je originalaj romanoj estas absolute malfavora . . . kaj . . . cetere, se mi eĉ konsentus presigi vian romanon, tamen vi... pardonu min sinjoro... vi ne havas „nomon".

— ?!!

— Jes... sinjoro... vi ne havas popularan „markon" kaj tiakaŭze via romano ne povas sukcesi... Eh... sinjorino, kie ni haltis?

La aŭdienco estis finita. La eldonisto ne turnis plu atenton sur Ignaĉjo Orski kaj la skribmaŝino komencis denove sian abomenan klakadon. Ignaĉjo klinsalutis ankoraŭ malgracie, li traglutis la salivon en sekiĝinta gorĝo kaj... fine... li fermis la pordon.. post si.

Refoje unu iluzio malplie!

La romano, kiun li portadis ĉiam kaj ĉie en malnova aktujo, estis evidente kondamnita neniam ekvidi presan nigrajôn.

Tute subigita kaj rompita Ignaĉjo iris en la kafejon, por trinki unu „nigran".

— Kion vi havas, Ignaĉjo de l' Castro?

...Ĉu vi manĝis „katon" aŭ ĉu eble vi estas „feliĉe" enamiĝinta?

Ignaĉjo subite eksentis nerezisteblan bezonon malfermi sian koron al la amiko kaj tial li kun amareco konfesis al li, ke ĝuste hodiaŭ li solenas la jubileon okaze de dudekkvinfoja malakcepto de sia unua kaj, ĝis nun, lasta romano.

La amiko aŭskultis lin pacience, sed poste interrompis lian vortelfluon kaj, skuante la ŝultrojn, li diris:

— Mia kara amiko... bedaŭrinde... tiamaniere vi ne sukcesos... Se vi volas esti presigota, vi devas havi „markon" kaj je ĉiu prezo ĝin akiri. Do... pafmortigu ian ministron aŭ forŝtelu perlan kolornamon n. b. (malveran) al ia artistino, kiu, cetere, estos dankema al vi pro tiu reklamo. Faru — kiel faris Alcibiades — t. e. detranĉu la vostojn al hundoj... ekbruligu — kiel la alia greko, Herostrates — ian konstruaĵon de publika „senutileco", ekzemple... teatron, ĉirkaŭtranĉu la pentraĵon de Matejko en la muzeo aŭ superverŝu ĝin per la peĉo... fine ekgrimpu — kiel homo-muŝo la turon de S-ta Maria . . .

— Ne ŝercu... mi petas...

— Kion fari?... alie vi ne povas akiri popularecon kaj via romano restos en la aktujo... Rigardu.. mi ne skribas romanojn, sed mi ilin travivas kaj mi timas nur tion, ke oni foje ne... presigu ilin!

La konsiloj de la sperta amiko ne „iris en arbaron[1])" kaj Ignaĉjo decidis — laŭ la cirkonstancoj — apliki ilin. Unu tagon li prenis grandan tondilegon kaj frumatene li enbuske atendis la kvarpiedajn estaĵojn, kiuj tiutempe kutimas fari promenadon en la strato. Sed „hunda peĉo" persekutis lin. Ĉiuj hundetoj, kiuj faris matenan promenadon, jam havis vostojn... detranĉitajn kaj... cetere... ili evitis lin, kvazaŭ ili flarsentus liajn „vost-manĝegemajn" intencojn. Ne fortimigita per tiu unua malsukceso, Ignaĉjo aĉetis cent alumetskatoletojn... sed ĉiuj intencaj penadoj ekbruligi nokte la teatron malsukcesis, ĉar la muroj ne „volis", bruli.

Unu vesperon Ignaĉjo, kun kaŝita tranĉilego sub la mantelo, enŝteliĝis en la muzeon, por ĉirkaŭtranĉi „Batalon apud Grunwald" de Matejko. Sed kia estis lia konsterno, kiam li konvinkiĝis, ke iu antaŭvenis lin:

**La pentraĵo jam estis detranĉita.**

Nun li decidis riski la lastan ekstremaĵon.

Kaŝita malproksime al parlamento Ignaĉjo atendis la anoncitan alvenon de la ministro, kiun li konis el la fotografaĵo. Li atendis pacience, kunpremante malgrandan brovningon en la poŝo.

Subite lia koro ektremis fortege, ĉar ĉe la stratofino li ekvidis la ministerian aŭtomobilon. Rapide li eligis la revolveron, detiris la ĉanon kaj...

Iu knabo rapide trakuris, kriante:

**„Extra - eldono... Renversiĝo de la ministeria kabineto"...**

* * *

Tagoj kaj semajnoj forpasadis kaj Ignaĉjo sidadis hejme, se li ne estis en la oficejo, kaj legadis la manuskripton de la „homo sen nomo", kiu trovis solan leganton en la... aŭtoro. Unu tagon, li trovis, trarigardante „kurjeron", sekvantan notaĵon:

**„Terura simptomo... 96 memmortigoj de 1-a de januaro".**

Tiunokte ĉirkaŭ lia lito dancadis makabre strangaj aĵoj de memmortigintoj. Unu el ili tenis en sia mano torĉon kaj li mem brulis, kiel ĝi, la alia penadis haltigi la sangon, kiu per fortega torento elŝprucis el sia trapafita tempio, la tria svingis antaŭ la vizaĝo de Igna-

[1]) ne malsukcesis.

ĉjo pendigitan ŝnuron kaj penadis elŝiri al la alia la boteleton sur kiu staris la enskribo: „Ciankalo". Sekvantan tagon li apenaŭ povis atendi ĝis la fermo de la oficejo kaj senprokraste li kuris al la kafejo.

— Refoje tri novaj memmortigoj. Certa penso, kiel sangavida harpio ekkaptis lin per siaj ungegoj kaj ne eble estis liberigi sin de ĝi:

— Vi devas estis la centa laŭvice!

* * *

Dikvanga vizaĝo de la luno rigardis kun bonkora kaj indulgema rideto, migrante inter kokete palpebrumantaj steloj, kiuj havis ian nomon aŭ estis „sen nomo" — kiam Ignaĉjo Orski enŝteliĝis en urbparkon. Pacon li havis en sia spirito kaj malvarman sangon en vejnoj. Kun koneco de sperta arbaristo li provadis unu branĉon post la alia, serĉante la konvenan, fine li elektis unu, kiu eliĝis super la benko en soleco, ĉar ĝi ŝajnis al li sufiĉe forta kaj rezista. Kun tuta pedanteco li komencis nun elprovadi la ŝnuron, kiun li jetis sur la branĉon, tirante ĝin per tuta forto.

Sed la ŝnuro ne trompis lian konfidon, do tial Ignaĉjo faris regulan laĉajon, demetis la kolumon, supreniris la benkon kaj metis la laĉajon sur sia gorĝo. Nuntempe sufiĉis nur eksalti de super la benko... Tie, hejme kuŝiĝis lia romano sur la tablo en videbla loko kaj la pordon de sia loĝejo li lasis malfermita. Tiu, kiu la unua eniros la ĉambron, devos rimarki la manuskripton.

Subite... penetranta krako dissiris brutale la silenton en la parko:

**Ĝuste tio estis... la centa memmortiginto... laŭvice.**

Sub Ignaĉjo ŝanceliĝis la genuoj.

Iu alia denove antaŭvenis lin...

Sed li jam perdis ekvilibron kaj liaj piedoj ekbatis rapide la aeron.

**JULJUSZ SŁOWACKI.**

# ANHELLI.

Słowacki, la aŭtoro de „Anhelli", apartenas al plej grandaj poetoj-profetoj polaj kaj kune kun Mickiewicz kaj Krasiński formas t. n. „Poetan trion". La kompreno de „Anhelli" estas malfacila, ĉar ĝi estas poemo simbola, kies enhavo povas esti tute klara nur por tiuj, kiuj konas historion de pola nacio kaj ankaŭ biografion de la poeto. La poemo estas verkita en biblia stilo, eksterordinare bela, sed iom malfacile reproduktebla.

## ĈAPITRO I.

Venis ekzilitoj landon Siberian kaj, elektinte lokon larĝan, konstruis domon lignan por eklogi kune en konsento kaj amo frata; estis ili ĉirkaŭ mil homoj de diversa klaso.

Kaj ŝtato liveris al ili virinojn, por ke ili edziĝu, ĉar estis la dekreto, ke ili estas senditaj por loĝantigo.

Dum kelka tempo estis inter ili granda ordo kaj granda malĝojo, ĉar ili ne povis forgesi, ke ili estas ekzilitoj kaj, ke ili ne plu revidos patrujon: escepte, se Dio volos...

Kaj kiam ili jam ekkonstruis domon kaj ĉiu ekokupiĝis per sia laboro, krom homoj, kiuj deziris, ke oni ilin nomu saĝaj, kaj restadis en senokupeco dirante: jen ni pensas pri savo de patrujo, ili ekvidis foje aregon da nigraj birdoj, flugantan de nordo.

Kaj malantaŭ la birdoj montriĝis kvazaŭ tendaro kaj veturilaro kaj granda glitveturilo jungita per hundoj, kaj aro da renocervoj kun multbranĉaj kornoj, kaj homoj sur glitiloj, portantaj ĵetponardójn; ĝi estis tuta popolo Siberia.

Kaj antaŭe iris reĝo de l' popolo, kaj samtempe pastro, vestita laŭmore per peltoj kaj koraloj, kaj surkape li havis kronon el senvivaj serpentoj anstataŭ reĝkrono.

Do ĉi regnestro, alproksimiĝinte ekzilitaron alparolis per lingvo de ilia lando: „Estu bonvenigitaj!"

„Jen mi konis patrojn viajn ankaŭ malfeliĉaj kaj mi vidis kiel ili vivis diotime kaj mortadis dirante: Patrujo, Patrujo"!

„Do mi volas esti via amiko kaj fari ligon inter vi kaj mia popolo, por ke vi estu sur tero gastama kaj en lando de bondezirantoj.

Kaj el patroj viaj jam neniu vivas krom unu, kiu estas jam maljuna kaj al mi favora; kaj loĝas malproksime de ĉi-tie, en soleca kabano.

Se vi volas, ke amiko de viaj patroj estu via gvidanto mi restos kun vi kaj forlasos mian popolon, ĉar vi estas pli malfeliĉaj.

Parolis pli longe ankoraŭ ĉi-tiu maljunulo kaj ili estis lin estimintaj kaj invitis lin en sian kabanon.

Kaj oni faris ligon kun popolo Siberia, kiu disiris kaj elkoĝis en siaj neĝaj vilaĝoj kaj ĝia reĝo restis kun ekzilitoj por ilin konsoladi.

Kaj oni miris pri lia saĝeco dirante: jen li ĝin certe de patroj niaj akiris, kaj vortoj liaj estas de prauloj niaj. Oni nomis lin Ŝamano, ĉar tiel nomas popolo Siberia siajn reĝojn kaj pastrojn, kiuj estas sorĉistoj.

## ĈAPITRO II.

Ĉirkaŭrigardinte Ŝamano en koroj de jena aro da ekzilitoj diris en si: „Vere mi ne trovis ĉi-tie, kion mi serĉis; jen koroj iliaj malfortaj estas kaj lasas sin subigi de malĝojo".

„Ili estus bonaj homoj en feliĉo, sed mizero ilin ŝanĝos je homoj, malbonaj kaj malutilaj. Kion li faris, ho Dio? Ĉu ja vi ne permesas al ĉiu floro finflori tie, kie al ĝi tero kaj vivo estas ĝustaj? kial do ĉi homoj devas perei?"

„Mi elektos unu el ili kaj ekamos lin kiel filon, kaj mortante mi redonos al li mian ŝarĝon kaj pli grandan ŝarĝon ol kapablas levi aliaj, por ke en li estu savo.

„Kaj mi montros al li ĉiujn malfeliĉojn de ĉi lando kaj poste mi lasos lin sola en mallumo granda kun ŝarĝego de pensoj kaj sopiroj sur koro".

Tion dirinte li vokis al si junulon nomatan Anhelli kaj kuŝiginte sur lin manojn inspiris lin per amo kora kaj per kompato por la homoj.

Kaj returninte sin al la aro li diris: „Mi foriros kun ĉi-tiu junulo por montri al li multajn doloraĵojn kaj vi restos solaj por lerni, kiel oni devas toleri malsaton, mizeron kaj malĝojon.

Sed vi havu esperon, ĉar espero penetros de vi en estontajn generaciojn kaj revivigos ilin, sed se ĝi en vi mortos, tiam estontaj generacioj estos homoj senvivaj.

Kaj tio-ĉi, pri kio vi estos pensintaj, plenumiĝos kaj granda ĝojo estos sur tero en jena tago de reviviĝo.

Sed vi estos en tomboj kaj mortkovriloj estos sur vi putriĝintaj; tamen viaj tomboj estos sanktaj kaj eĉ Dio de korpoj viaj returnigos vermojn kaj vestos vin per fiera indeco de mortintoj... vi estos belaj.

Tiel, kiel patroj viaj, kiuj estas en tomboj; ĉar alrigardu ĉiun ilian kranion: ĝi ne grincas, ne suferas, sed trankvila estas kaj ŝajnas paroli: mi faris bone.

Atentu pri si, ĉar vi estas kiel homoj starantaj sur altaĵo kaj tiuj, kiuj venos, estos vidantaj vin.

Jen mi dirus al vi sekreton, ke animoj de unuj iras sunon, kaj animoj de aliaj malproksimiĝas de suno al mallumaj steloj, sed vi ne ekkomprenos min!

Mi dirus al vi kial vi vivas kaj kial naskiĝas milionoj da novaj animoj, sed vi ne estos min komprenintaj.

Sed mi diras al vi: estu trankvilaj ne pri morgaŭo, sed pri tago kiu estos morgaŭo de morto via.

Kaj pli malbona estos morgaŭo de l' vivo ol morgaŭo de l' morto — kvankam ne tiel pensas homoj malnoblaj kaj de malgranda koro".

Diris do al Ŝamano aroj „Kiu donis al vi povon instruadi pri vivo kaj morto? Jen ni havas inter ni pastrojn, al ili apartenas la Divorto".

Je tio respondis al ili Ŝamano: „Ĉu vi aŭdis pri Moseo kaj mirakloj, kiujn li faradis. Mi estas Moseo inter Siberia popolo, kaj miraklojn mi faradis pli terurajn ol tiu — antaŭ jarcentoj.

„Kaj ĉu ne eliris Anĝelo el aŭroro koreala kiam mi elvokis lin el flamoj. Vi demandu mian popolon".

„Je mia vorto ĉi neĝo fariĝis sango kaj ĉi suno nigriĝis kiel karbo; ĉar multe en mi estas de Dio.

„Sed vi ne tentu min pri mirakloj, ĉar vi estas popolo maljuna kaj revivigi vin estas miraklo. Pri tio petu Dion".

„Ke Li vin revivigu kaj el tombego vin eltiru kaj faru vin popolo, kiu duan fojon kuŝigata estas en lulilo kaj vindita; por ke ĝi elkresku rekta kaj nekurbigita korpe".

Tiel parolis Ŝamano kaj ne kuraĝis al li respondi la ekzilitoj; sed ili promesis kun popolo Siberia teni ligon. **Tradukis LENA.**

TOMMY.

# NEBEZONATAN TEKSTON TRASTREKU!

Ne ĉiam manko de respondo je letero estas la ĝusta respondo. Kelkfoje oni devas efektive respondi. Estas aferoj, kiujn ne decas skribi sur poŝtkarto, sed aliflanke letero kostas 35 groŝojn.

Por tiu prezo mi havos jam „Kurjeron" kaj du bulkojn. Aŭ dimanĉan „Kurjeron" por la tuta semajno, aŭ sportgazeton kaj 5 groŝojn por senlaboruloj. Kiu hodiaŭ povas al si permesi je lukso de l' letero! Memkompreneble skribas ankoraŭ furiozuloj, ĉar en la mondo ĉiam svarmas rabifrenezaj riskuloj.

Ne unu tia „havas najlon en la kapo" kaj pensas, ke 35 groŝoj lin ne ruinigos. Unufoje — certe ne. Sed ni imagu, ke tio okazas al li dufoje aŭ ducent fojojn. Por tiu prezo oni jam povas aĉeti bovinon, aŭtomobilon, eksedziĝi, konsoli „nekonsoleblulinon" delogi fabrikistfilinon kaj aranĝi centon da agrablaj furiozaĵoj...

Ni devegas ĉo skribi, tiel, kiel ĝenerale ni nepre devas devegi. Por kio tamen estas la inventemo? Tio ne devegas nepre kosti 35 groŝojn. Tio povas kosti 10 gr., ĉar tiom kostas la presaĵo. Oni sparas ankaŭ la laboron, ĉar la tuta skribado de letero konsistas nur el trastrekado.

Nebezonatan tekston trastreku, jen mia malgranda devizeto.

Mia ideo estas jena: Presigi unu tian ĝeneralan leteron, ĝeneralan cirkuleron por ĉiuj socitavoloj, seksoj, profesioj kaj „elturniĝoj". Tie povas esti antaŭviditaj ĉiuj situoj, kies nombro estas tamen limita.

Jen la koncepto ĉe tia ĝenerala letero:

Via Pastra Moŝto!

Altestimata Sinjoro!

Mia Karulo!

Amata Edzinjeto!

Aminda Kuzineto!

Dolĉa Anĝeleto!

Responde je la letero de la . . . . 193 . . mi sciigas laŭsekve:

Mi ne havas monon. Principe mi ne ĝiras. — Mi venos la... -an je la . . . -a. Kiel kutime apud kino Apollo. Kial vi trudas vin, mi havas jam sufiĉe! Ankaŭ vi min! Multan feliĉon, Alleluja, Korajn bondezirojn, kompatesprimojn, mi estas nekonsolebla; Mi tutkore gratulas . . Revenu — mi ne batos vin. Vera frandaĵo. Se vi tion ne faros, mi memmortigos min! Helpu Altestimata Sinjor(in)o mi estas posteneksigita! Vi pravas, sed tro malfrue! Trafu vin, ŝin, ilin apopleksio. Sendu tuj..... zlotojn.. Mi bone fartas, ankaŭ mi bankrotaĉis.

Oni povus al tio aldoni ankoraŭ dekkelkajn aliajn kutimajn parolturnojn, uzadatajn en diversaj situoj. Kaj nur trastreki la nebezonatan tekston, enskribi sumojn kaj datojn. Meti la stampon. — Adresi. Kostas 10 groŝojn kaj minuton da tempo. La ideon mi patentis. Aĉetantojn mi serĉas. Mi ne havas tempon por klarigoj.

**Tradukis T. Hodakowski.**

# NEEBLE.

Sur la naztuketo iomete da sango.

Ĉio kvazaŭ haltis en ŝi dum momento, kvazaŭ ŝtoniĝis pro terura timo.

Sango! Sango!

Tion postsekvas malsano, longedaŭra malsano.

Kaj poste?

Poste devas veni tio, kio estas senkompata Nepreco, kion oni neniam povas eviti — la Morto.

Tiel terura Mistero, tiel granda Malpleneco.

Eble la kuracisto diros, ke tio estas nur bagatelaĵo, ke la malsano ne estas grava, ke la sano revenos. Ĝi revenos, ĝi certe revenos!

Ŝi neniam grave malsanis.
Estas ja neeble, ke tuj kaptu ŝin Morto.
Ŝi ofte pensis pri ĝi, ŝi parolis ĉiam pri ĝi trankvile, rigardis en ĝian vizaĝon kuraĝe, ne timis ĝin, oh, tute ne.
„La Morto" — ŝi diris kutime — „estas ripozo post longa, laca vivo. Kion timi?"
Kaj ŝi rigardis en ĝian vizaĝon kuraĝe.
Sed el malproksimo.
Hodiaŭ, kiam ĝi ekrigardis en ŝiajn okulojn, kiam ĝi ekridis mallonge, akre kaj demandis: „Ĉu vi ankoraŭ ne timas min?" — ŝi ektremis.
Sed... tio ne povas esti la Morto, tio estas nur malgranda guteto de sango sur la naztuketo.
Tiel malgranda guteto!
Ŝi turnis sin al Dio — la duan fojon en sia vivo. Tiam Li aŭskultis ŝin.
Eble nuntempe ankaŭ...
Eble — la potenca vorto, kiu portas esperon kaj momentan trankvilon.
Ŝi havas ankoraŭ tiom multe da projektoj, tiom multe da laboro.
Vivi kaj labori!
Sed la fortoj ne ĉiam permesas plenumi ĉion. Do ĝis la lasta momento de l' vivo! Iru for, fantomo, kiu ridas ĉi tie.
Ŝi volas ankoraŭ vivi — la mondo estas tiel belega, tiel alloga.
Jam adiaŭi la vivon? — tio estas neeble.

* * *

Ŝi staris ĉe fenestro kaj rigardis ĉielon kun fido. Oraj steloj amike ridetis al ŝi.
Enpense ŝi kuris malproksimen, malproksimen . . .
Subite iu delikate ŝin tuŝis. Ĉe ŝi staris ŝia avineto.
La maljunulino venis el lando de ombroj tien, en la ĉambreton de sia amata nepino, kaj metis la manon sur la etajn ŝultrojn.
„Estu trankvila" — aŭdiĝis mallaŭta voĉo.

* * *

Steloj paliĝis, aŭroro komencis ruĝiĝi en oriento.
La unuaj radioj de leviĝanta suno orumis la kapon de l' knabino, kiu kun rideto sur la lipoj dormis, apogita je parapeto de l' fenestro. **Halina Weinstein.**

# ANKORAŬ UNU FASKO DE KONGRESIMPRESOJ.

La unua, kio enfalis mian okulon post alveno Krakovon estis — karbero. Mi sentas min nune ankoraŭ feliĉa, ke ĝi estis nek belega antikva Barbakano, nek rava pordego de sankta Florjano, ĉar en ĉi kazo ne estus eble eligi ĝin el supre menciita okulo per sufiĉe malriĉa larmtorento: oni bezonus tiucele direkti tien almenaŭ... fluejon de Vistulo.

A propos: ĉi gastema pola riverego preparis al kongresanoj ne malŝatindan surprizon: ĝi ĉirkaŭprenis per siaj fortaj brakoj la ekskursan vaporŝipon kaj ne volis (pro pura amo al ĝia enhavo) ĝin de si lasi. Kelkaj samideanoj ne ekkomprenis bone la noblan intencon de Vistulo kaj faris grandan bruon. Ili eĉ kanibale konsilis meti en la akvon la plejdikulojn por tiamaniere malpezigi la ŝipon (Vi ne imagas kiel mi timegis!!).

Sed feliĉsorte tiuj malkomprenuloj estis maljunetaj kaj tial neniu sekvis ilian proponon. Ni ja vivas en tempo de aŭtoritatformortado!

Post kelka tempo dank' al asimilkapablo de gejunularo la opinioj pri la sursabliĝo de la ekskursŝipo tiom ŝanĝiĝis, ke oni nenion pli multe sopiris ol la pluan restadon sur loko — de la akcidento. La manko de l' lumo sur ferdeko havis duoblan vizaĝon: agrablan por lingvo-spertaj esperantistoj, ĉar ili eĉ ĉe lunlumo povis trovi necesajn por konversacio vortojn, kaj malagrablan por komencantoj, kiuj vane penadis deĉifri dum duonlumo en vortaro la plej gravajn vortojn ilustrindajn al ĉarma ia apudsidant(in)o. Kaj ili bedaŭregis esti perdintaj eble la solan en vivo okazon. Ĉar eĉ plej granda kuraĝulo ne kuraĝus diri en heleco de l' suno tion, kion li kapablas murmuri en duonheleco de l' luno.

Sed ne nur okazoj perdiĝadis dum la Dudektria; malaperadis ankaŭ amaj paroj, krajonoj, junaj edzinoj de maljunaj edzoj, plumoj, kaj unu simpatia Danziga fraŭlino eĉ kun sia novega mantelo disiĝis en Wieliczka sen adiaŭo. Niaj esperantistoj neniam ŝtelas — mantelojn, tion mi scias tute precize el mia propra sperto; ĝin certe konservis kiel kongresmemoraĵon ia mineja gnomo (pigmeo).

Unu patrino perdis tie filinon kaj kun larmaj okuloj demandis min: „Ĉu vi ŝin ne renkontis? Ŝi estas blonda kaj havas kongresinsignon kun verda rubando". Dank' al tiuj „specialaj rimarkiloj" mi scipovis facile trovi la knabinon kaj revenigi ŝin al la malespera virino.

Ekskursoj plivastigas niajn sciojn. Mi povas nun ĵuri, (ne tiel, kiel en miaj lernejaj jaroj...) ke la klimato de Svedujo estas malpli varma ol la pola. Montriĝis nome, ke la Svedoj sentis sin hejme sole en malvarmetaj salminejprofundaĵoj. Ili plivigliĝis, bonhumoriĝis, babilemiĝis unuvorte rericevis sian kutiman temperamenton, kiun sur tersurfaco estingadis la blindiga, ŝvitiga sunradiaro. Forlasinte minejon ili estis denove kiel glaciaĵo: dolĉaj, sed malvarmaj.

Plej bonan glaciaĵon en Kraków havas sendube kafejo „Esplanade". Ankaŭ la plej spritajn kaj inteligentajn kelnerojn (krom tiuj el „Pavillon"). Malgraŭ absoluta malkompreno de esperanta lingvo ili ĉiam tiel longe, afable kaj kortuŝe skuadis ĉe mendado la kapojn, ke emociiĝita hungara, angla, aŭ japana gasto fine elbuŝigis: „sifono" por tamen interkompreniĝi! Bonega bedaŭrinde jam malaperonta kelnera raso!

Abomeno kontraŭ fremdlanda manĝaĵo estas nur superstiĉo forigebla kiel ĉiuj aliaj. — Ekpruvis ĝin unu latva samideano, al kiu tiom ekbongustis pola frandaĵo nomata „pierożki" (pjeroŝki), alrigardata de li komence sufiĉe suspekteme, ke oni devis lin ĉiun tagon konduki en alian restoracion por trovi la deziratan dolĉaĵon. Eĉ Japanĉjoj (post komencaj stomakdoloroj) manĝis ĉion kun nekredebla konfido. Oni povas aserti, ke ili ne nur gustumis en Kr. ĉion manĝindan, sed ankaŭ rigardis ĉion rigardindan.

Mi trovas foje en tramo unu el ili kaj demandas kien li rapidas. „Mi ne vidis ankoraŭ monteton de Kościuszko, do kiel mi povus forveturi el Kraków". Brave! Same kiel mi — neniam mi ekdecidus forlasi la urbon antaŭ ol vidi eĉ la loĝanton de „draka kaverno". Kaj mi vidis ĝin. Ĝi estis sufiĉe drakaspekta — muso. Mia forlaso de kongresurbo similis preskaŭ al mia tien invado. Sola diferenco, ke anstataŭ karbero enfalis mian okulon (vaste antaŭ fajfsignalo!!) eta polica komisaro. —

Per nekonataj al anatomio koridoroj li enfluis de tie mian — koron kaj fiksos ĉi-tie certe ĝis la pariza kongreso — jes ĝis la....

**LENA.**

# Packontrakto.

(fableto por infanoj)

Ekdecidis musoj, ratoj
Packontrakti kun la katoi
En kel', loĝa tru' subtera
Ili traktis pri afero.
Venis are rajtiĝitai
Musoj katoj delegitoj.
Ĉefa tie postulato
Estis paco musokata.
Tutan nokton ĝis mateno
Daŭris la diskut' solena
Fine pace agorditaj
Ekvivuis delegitoj:
— Vivu bravamikoj katoj!
Poste ĉiuj por bonŝanco
— Vivu musoj, vivu ratoj!
Flirtis gaje en la danco.
Dancis musoj kun la katoj,
Dancis katoj kun la ratoj.
Kato muson premis forte,
Ĝis dancigis ĝin — ĝismorte...
Tia estis diplomata
Pakt' kel-loĝa musokata.

Fez.

# POLLANDA KRONIKO.

**BYDGOSZCZ.** Dum la lasta (oktobra) monata kunveno de la „Societo Esperanto" lerte humorprelegis ankoraŭ juna sed entuziasma esperantisto kaj societestrarano s-o Ludwik Stalewski pri la temo „El la galerio de Bydgoŝĉaj Esperantistoj". La multnombraj ĉeestantaj bone amuziĝis kaj tondre aplaŭdis la prelegintón.

**LUBLIN.** Celante popularigi elementajn historiajn sciigojn kaj principojn de lingvo internacia, Pola Esp. Asocio, Filio en Lublin 5-an de septembro k. j. malfermis 10-tagan senpagan kurson de Esperanto. — Enskribiĝis multaj personoj. La kurson gvidas S-ro Cz. Pruski, Del. de U. E. A. laŭ metodo de pastro Andreo Ce. Praktika konversacio okazas ĉiutage en moderne arangita klaso de popollernejo XIII ĉe str. Okopowa nro 8. — Dank' al klopodoj de P. E. A. loka jurnalo „Ziemia Lubelska" malfermis ĉiutagan „Esperanto-angulon". — Materialon por la angulo liveras S-roj: D-ro J. Mędrkiewicz kaj Cz. Pruski. S-ro Marjan Klimowicz kaj S-ro Mieczysław Radzik organizas ĉe P. E. A. Sekcion de Memlernanta Junularo Esperantista. — Ĝenerale esp. movado en nia urbo vigliĝis. —

**LWÓW.** La XXIII-a Universala Kongreso en Kraków alportis por la movado en nia urbo grandan sukceson. Ĉiuj partoprenintoj de la Kongreso revenis plenkontentaj kun freŝa fervoro. Al la anoncita kurso la homoj amase aniĝis, tiamaniere, ke la Societejo devis aranĝi 3 kursojn. La kursgvidantoj estas: F-ino Nadel, S-roj magistroj Ŝapira kaj Zacharjasiewicz. — Dum la XI. Orienta foiro aranĝis F-ino Emilja Scharf, nia fervora samideanino apartan esper.-standon en plej vizitata pavilono. La stando altiris ankaŭ multajn vizitantojn, varbante tiel por Esperanto. Oni vendis dum la foiro multajn lernolibrojn kaj gajnis partoprenantojn por la anoncitaj kursoj. Entute regas nun granda movado en la Societejo.

Supera esperanta kurso gvidata de samideano Dro. Zausner finiĝis kun bona rezultato. Bedaŭrinde pro militservo forlasis nin Dro Zausner por tuta jaro. Malgraŭ la somera tempo estas la movado en Societejo sufiĉe vigla. Nia fervora, senlaca samideanino F-ino Nadel gvidas kurson kun tre diligentaj partoprenantoj. Oni aranĝas ankaŭ ekskursojn, dum kiuj la junularo faras propagandon.

**MIŁOSŁAW.** La lasta ĉeesto de s-o Scherer en nia urbeto kaŭzis tiel grandan intereson por Esperanto, ke nia societo, kiu depost kelkaj jaroj restis neaktiva, ekfunkciis denove. La 24-an oktobron okazis kunveno en la hotelo „Bazar", kunvokita de s-o poŝtestro Prabucki. Post lia parolado anonciĝis 32 novaj membroj. Inter ili la urbestro s-o Kochanowski, la loka kuracisto s-o Dr. Garduła, la loka lernejestro s-o Grynia, dentisto s-o Lorkiewicz kaj la direktoro de la ĉirkaŭaj terbienoj s-o Drynkowski ĉiuj kiel subtenantoj, paginte ĉiu la tutan jarkotizon.

La ĝisnunaj sukcesoj estas jenaj: Kurso kun 24 anoj. Depost la unua leciono aliĝis pluaj membroj, precipe la instruistaro kun la rektoro, kiu kun la plej granda intereso sekvas la lecionojn. La lernejestro interkonsente kun la urba administracio disponigis por la lecionoj senpage bone hejtitan kaj lumigitan lernejĉambron por la kursoj. Ĝis nun estas aĉetitaj 15 lernolibroj de s-o prof. Sygnarski. Sekvos pluaj mendoj de lernolibroj kaj vortaroj. La rondo abonis „Polan Esperantiston", kaj „Pomocniczy Język Światowy". Ĉe kontentiga evoluo de la grupo, sekvos abono de pluraj ekzempleroj de tiuj ĉi gazetoj kaj de eksterlandaj. Estas fondata biblioteko, kiu estos pligrandigata. La loka gazetaro raportis tre favore.

# ĈU VI EMAS PROGRESIGI KULTURON PER ESPERANTO?

Dank' al bone kaj konstante eldonata adresaro de UEA, dank' al gazetaro esperanta, oni povas trafi al fakaj aŭ kulturaj kunlaborantoj en la tuta mondo. La pruvo de tio ĉi estis malfermita dum XXIII kongreso „Ekspozicio de l' Monda Artpentrado" gvidita de geedzoj Czechowski el Sosnowiec.

La ekpozicio celas alproksimigi multlandajn muzeojn al vasta publiko kaj al lernejanoj, montrante al ili la bildojn muzeajn en formo de reproduktaĵoj. En ĉiu pli granda urbo estas vendataj presitaj bildoj de plej famaj klasikaj kaj nuntempaj artistoj. Jen, laŭ proponpeto de Esperanta Grupo en Sosnowiec Gesamideanoj el 18 landoj sendis jam 300 bildojn kaj el ili energia komitato fermis, dum nia XXIII en Kraków, interesan galerion en bele ornamita salono.

Altestimataj vizitantoj S-anoj prof. dro Odo Bujwid, redaktoroj Teo Jung

Grenkamp-Kornfeld kaj multaj eksterlandanoj, en memorlibro de la ekspozicio, skribis fortajn laŭdojn kaj instigojn por la komitato. Tiuj ĉi amikaj opinioj pri bona apliko de esperanto por kulturprogresigo pruvas bone elektitan vojon. Ĉiu bone komprenas, ke eĉ helpe de 12 lingvoj tia entrepreno estas ne efektivigebla. Per esperanto oni ŝparas tempon, laboron kaj monon, do post 9-monata laboro jam malfermita estis la ekspozicio. Multaj afablaj samideanoj sendis la bildojn eĉ senpage. Vizitantoj kongresaj promesis ankaŭ kunlabori en plua kreado de tiu ĉi galerio per kompletigo de novaj bildoj baldaŭ forsendotaj el iliaj landoj.

Ĝis nun estas pli vaste prezentataj artpentrado de Svedujo, Francujo, Germanujo, Japanujo, Holando, Pollando, kaj malpli vaste: Hispanujo, Anglujo, Aŭstrio, Rusujo, Italujo, Bulgarujo, Jugoslavujo, Ĉeĥoslovakujo, Danzigo k. aliaj. Laŭ promesoj de kongresanoj la komitato esperas baldaŭ ricevi la bildojn ankoraŭ el 14 landoj.

Ĝis novembro sekvos la severa laboro de komisionoj artistaj, petitaj helpe de esperantistoj en ĉiuj landoj por prikritiki ilialandajn partojn de ekspozicio kaj eviti ĉion, kio ne sufiĉe bone prezentas la landajn artpentradojn. Dum novembro la ekspozicio komencos migri tra la polaj urboj, servante al publiko kaj lerpejoj. De post pariza kongreso la komitato migrigos la ekspozicion tra la Eŭropo.

Tiamaniere aplikita esperanto servas ne nur en esperantista rondo, sed ankaŭ por neesperantista publiko. Afablaj gesamideanoj kunlaboremaj en plua kreo de tiu ĉi granda entrepreno petataj estas interkonsenti kun la ekspozicia komitato kaj esprimi kiamaniere ili ŝatus ricevi rekompencon okaze de bildsendo el siaj landoj. Proponojn sendu al gvidanto Bol. Czechowski, Pollando, Sosnowiec, str. Pr. Mościckiego 9. „La Ornamo".

Ĝis pariza kongreso estu devizo: Esperantistoj kunlaboru por progresigi kulturon!

# DU RAPORTOJ PRI LA KONGRESAJ KUNSIDOJ.

## FAKKUNSIDO DE TABAKKONTRAŬULOJ

(4-a de Aŭgusto 19-a h., kongresejo)

Ĉeestis gesamcelanoj el 5 landoj. Avergvidanto de „Verda Kruco" Laborkomunumo por sentabaka kulturo faris koncizan raporton pri historio kaj signifo de la Movado por sentabaka kulturo kaj pri la rilatoj inter Esperanto kaj kontraŭbatalo de l' tabako. Ĝisnuna agado rezultigis diversajn sukcesojn precipe por Esperanto en la rondoj de nacie kaj internacie organizitaj tabakkontraŭuloj diverslandaj, eldono de esperantlingvaj kontraŭtabakaj presaĵoj (verkfolioj, propagandiloj, glumarkoj kaj poŝtkartoj kun koncernaj tekstoj) kvankan en tre modesta mezuro, estis eblaj. Tre bedaŭri oni devas la fumadon ĉe multaj Esperanto-kunvenoj, aranĝoj ktp. — Sekvis raportoj el kelkaj landoj pri tiea agado kaj stato de l' afero. Plendis precipe reprezentantoj el Pollando kaj Rumanujo pri kondamninda propagando por tabako (por unuopaj fabrikmarkoj) pere de R a d i o. Daŭrigo, resp. intensivigo de la ĝisnuna laboro, precipe ankaŭ inter la esperantistaro kaj Esperanto-gazetaro estis la plene interkonsentita findecido.

**Detalojn volonte donas (sendu respondkuponon!):**
„Verda Kruco" Laborkomunumo por sentabaka kulturo
Wien, I., Judenplatz 8/I. Aŭstrio.

## FAKKUNVENO DE KATOLIKOJ

(lunde la 3-an de Aŭgusto 14 h, en la kongresejo)

Pastro Font Giralt (Hispanujo) prezidanto de IKUE. salutinte la multnombran ĉeestantaron akcentis la nepran neceson de **unueco,** de unueca agado, por enpenetri en la vastajn katolikajn rondojn. Li instigis ĉiujn kunvenintojn, kiuj ankoraŭ ne estas membroj de IKUE, ke ili volu aliĝi kaj petis specialan subtenon por **„Espero Katolika"**, la oficiala organo de IKUE, ke ĝi ree povu regule aperi (en tiu jaro povas aperi nur plu 3 numeroj, depost oktobro), menciis poste la ankaŭ grandan signifon de **„Katolika Vivo"** peresperanta katol. informgazeto. Jen ĝia apero ekz. efikis, ke laŭ deziro de kardinalo de Parizo aperis artikolo por Esperanto en la Pariza paroĥa gazetaro multnombrege disvendata ĉiudimanĉe. W. Mudrak (Aŭstrio) atentigis je la devo kaj urĝa neceso, ke la katolikoj, precipe la katolikaj esperantistoj laboru por la paco, menciante ankaŭ Mondjunularon Katolikan (MOKA) kaj ĝian organon **„La Juna Batalanto"**. Sekvis vigla diskutado, en kiu ankaŭ partoprenis G-anoj Müller, Germanujo, Prussky, Ĉeĥoslovakio K. A.

Post interkonsento kaj findecido por plua laboro al kunigo de ĉiuj katolikaj esperantistoj por la celo de l' propagando de Esp. inter la katolikaro, la kunveno finiĝis per la katolika saluto „Laŭdata estu Jezuo Kristo"! W. M.

# AKTIVULOJ HELPU.

La prezidanto de la Internacia Gazetara Komisiono, komisiita de ICK, S-ro Georges Avril — Nice sendas al ni la sekvantan noton:

Por ebligi kolekton de taŭga dokumentaro pri uzebleco de Esperanto por praktikaj celoj kaj la efikon de la tutmonda organizo de nia movado, ni petas disvastigi tra la gazetaro la sekvantan noton:

**LA PRINCLANDO LIĤTENSTEJNO**
**NOVAJ POŜTELDONOJ.**

Ĵus aperis novaj oficialaj poŝtkartoj kun interesaj bildoj de la princlando, kiu altiras pli - kaj - pli turistojn al la belegaĵoj de sia teritorio. La nova eldono konsistas el 2 serioj de 10 kartoj po 10 & 20 centimoj kun belegaj bildoj el la lando. La klariga teksto de la karto estas redaktita en germana kaj Esperanto-lingvoj. Per sia dukolora preso ili estas novaĵo en la kampoj de tipografio kaj filatelio. La desegnaĵoj kaj fotoj estas majstra verko de konata viena artisto, Kortega Konsilisto Kosel, kreinto de multaj poŝtmark-eldonoj. Aparte rimarkinda estas la uzo de Esperanto kiel helplingvo, kiun la registaro adoptis jam en 1930 sur alia eldono por sia turisma propagando. Liĥtenstejno estas facile atingebla el Svislando, Germanujo, Aŭstrio, Italujo, sed ankaŭ por turistoj el aliaj landoj, per sia situacio ĉe la internacia fervoja linio Parizo—Vieno.

La antaŭe nomitaj kartoj ankaŭ aperis sen bildoj, sed per siaj poŝtmark-odesegnoj restas rimarkindaj.

Ni petas ĉiujn aktivulojn tuj disvastigi la noton. La titolo povas esti ŝanĝata laŭ la cirkonstancoj. Rekomendinde estas nenion aldoni al la faktoj mem.

**Oni sendu 2 egzempl. de ĉiu gazeto (noto kaj titolpaĝo datumita nepre necesaj)** al „Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado", 11, rue du Mont-Blanc, GENEVE (Svislando).

Ĉiun mendaĵon la oficejo de ICK kvitancas per oficiala poŝtkarto de la nomita serio. Por pluraj gazetoj plia(j) karto(j) estas sendata(j).

Havigu al vi taŭgan propagandilon per kunhelpo. Estas grave, ke la materialo enhavu represojn el kiel eble plej multaj lingvoj kaj landoj.

La Komisiono anticipe dankas kore pro la valora helpo.

# RICEVITAJ GAZETOJ.

**Verda Mondo**, IX, Kameoka, Kioto-hu, Japanujo.
**Nova Kulturo**, 9—10, Burgas, Bulgarujo.
**Kristana Revuo**, X,: „Antaŭen", Slewings Lane, Hornchurch, Essex, Anglujo.
**Mój Przyjaciel**, nr. 16, Warszawa, Bielańska 5.
**La Interligilo de l' P. T. T.**, Petro Filliatre, 324, rue Lecourbe, Paris XV-e.
**Svenska Esperanto-Tidningen**, X, Biblioteksgatan 30, Stockholm.
**Vegetarano**, VII/IX, Oscar Bünemann, Hamburg 24, Papenhunderstr. 32, III, Germanujo.
**Katolika Vivo**, nro 21, 10 Rue Pergolèse, Paris — XVI.
**Renkonte al la suno**, organo de Mariavita Esper. Ligo, nro 1, Płock, Dobrzyńska 29
**Belga Esperantisto**, XI, Kleine Hondstraat 11, Antverpeno.
**La Dortreĥta Esperantisto**, nro X, Krispinscheweg 135, Dordreĥt, Nederlando.
**La Suda Kruco**, IX/X, Box 731F, Elizabeth-str.: P. O., Melbourne (Aŭstralio).
**V. O. K. S.**, nro 5, Moskwo 69, Trubnikowski pereulok 17, S. S. S. R.
**Oomoto**, nro 9, Kameoka, Kioto-hu, Japanujo.
**Informoj de Esper.-Asocio de Estonio**, nro 10, Tallinn, postkast 6.
**Poczta**, nro 17, Warszawa, Bednarska 25.
**La Ora Epoko**, VII/IX, P. F. 275, Baden Svisujo.
**Eŭgeniko**, Nakanosima-Biru, nro 3, Kitaku, Osaka, Japanujo.
**Literatura Mondo**, X, Budapest IX, Mester-utca 53, X, 7. B. V.
**La Movado**, IX—X, rue de Richelieu, 104, Paris 2-e.
**Tutmonda kolektanto**, VIII, A. Prażák, Jablonné n. Orl. Ĉeĥoslovakujo.
**La Tribune Esperantiste**, 60, Bd A. — Reynaud, Nice (A. — M.)
**Heroldo de Esperanto**, ĉiusemajne, Köln a. Rh., Brüsseler Strasse 94, Germ.
**Esperanto**, nro 11, 1 Rue de la Tour de l' Ile, Genève.
**Junulara Ligo de Nagasaki**, junio. 58 Ooide-mati, Nagasaki, Japanlando.
**La Espero**, P. O. Box nro 54, Hankow, Ĉinujo.
**Germana Esperantisto**, X, Berlin SW 61, Johanniterstr. 9, Germanujo.
**Esperanto-Praktiko**, nro 8/9, Wilmstrasse 5, Berlin SW 61, Germanujo.
**La Socialisto**, XI, Wien XXI, Angererstrasse, nro 14, Aŭstrujo.

**Antaŭen**, Budapest VII, Dob-utca 90.
**Progres**, Warszawa, ul. Dr. Zamenhofa 13, m. 12.
**Esperanto-Kiboŝa**, X, 458 Niŝiookubo, Tokio, Japanujo.
**Ondo de Daŭgava**, n-ro 8, Riga, Pasta kaste 844.
**Utrechta Esperantisto**, n-ro 10, G. J. Degenkamp, Rietstraat 40, Utrecht.
**Laborista Esperantisto**, Middenweg 226, Amsterdam.
**Kantona oficiala organo de Kantona Esperanto Societo**, n-ro 3—4, P. O. Box 88, Canton, Ĉinujo.
**La Esperantisto**, n-ro 8, Sanbanĉo, Kojimaĉi, Tokio, Japanujo.
**Inter ni**, n-ro 4, Livingstone Jenkins, 64 St. Thomas Road, Finsbury Park, London N. 4, Anglujo.
**Internacia Medicina Revuo**, nro 5—6; 20 rue aux Laines, Bruxelles, Belgujo.
**Internacia Pedagogia Revuo**, nro 7, Am. Fuchsberg 2, Dresden A. 20, Leubnitz-Neuostra.
**Sennaciulo**, n-ro 365; 14, av. de Cerbéra, Paris 12-e.
**USE-EHO**, **nro 7**; „Libro", Timisoara I, Strada Lonovici 1, Rumanujo.
**Espero Katolika**, X; 10, Rue Pergolèse, Paris XVI.
**Boletin del Grupo Esperantista**, n-ro 7, Ateneo Obrero, Gijon, Hispanujo.
**La vojo de klerigo**, X; K. Liebknecht-str. 31, Harkov, Ukrainio, USSR.
**Norda Gazeto**, n-ro 6; E. Deligny, gérant, 4, rue Allent, St. Omer, Francujo.
**Fluganta Skribilo**, n-ro 65; 9 Bd Voltaire, Issy-lec Moulineaux, Seine, Francujo.
**La Revuo Orienta**, n-ro 10; Ŝin' ogaŭa-maĉi, Usigome, Tokio, Japanujo.
**La Juna Batalanto**, n-ro 3, Köln-Dellbrück, Marktweg, 63. Germanujo.
**ISK**, n-ro 12, Nikolausbergerweg 67, Göttingen. Germanujo.
**Amerika Esperantisto**, n-ro 6, 1591 Anderson Ave., Fort Lee, N. J. USA.
**The British Esperantist**, n-ro novemb., 142, High Holborn, London, W. C. 1.
**Svisa Espero**, n-ro 1—2, s-ro Ed. Stettler, Bundesgasse 16, Bern, Svisujo.
**Nasz Misjonarz**, nr. 11, Górna Grupa, Pomorze.
**Kataluna Esperantisto**, 5/6, Valencia, 245-Barcelona.

# ATENTU SAMIDEANOJ! GAZETOJ REPRESU!!

**LAŬ LA INVITO DE LA DIREKCIO DE POLAJ RADISTACIOJ ĈIUJ POLAJ SENDILOJ DISAŬDIGOS LA 15-AN DE DECEMBRO JE LA 17 H. 10 M. 25-MINUTAN PRELEGON DE S-RO PROF. D-RO ODO BUJWID S. T. „L. L. ZAMENHOF KAJ LIA ELTROVO DE LA HELPA LINGVO": ĈIUJ SAMIDEANOJ KAJ REDAKCIOJ ESTAS PETATAJ DISKONIGI LA FAKTON KAJ SENDI ĜUSTATEMPE DANKESPRIMOJN AL:**

**DYREKCJA POLSKIEGO RADJA — WARSZAWA, POSTULANTE REGULAJN PRELEGOJN AŬ SUPERAN KURSON ESPERANTAJN. ESTAS GRAVE, KE INTER LA DISAŬDIGONTAJ SENDSTACIOJ ESTOS ANKAŬ LA PLEJ FORTA STACIO DE EŬROPO — WARSZAWA (RASZYN). SAMIDEANOJ TRANSMARAJ AŬSKULTU ANKAŬ VI!**

# DE LA REDAKCIO.

La plej proksima numero de Pola Esperantisto aperos antaŭ la 15-a de decembro. Artikoloj por ĝi estas akceptotaj nur ĝis fino de la novembro.

Ankaŭ decembra numero de Pomocniczy Język Światowy aperos antaŭ la 15-a de decembro. Ricevos ĝin ĉiuj esperantistoj laŭ la Adreslibro de s-ro Zawada. S-oj kursgvidantoj, grupsekretarioj mendu la decembran n-ron grandkvante laŭ la rabatita prezo. Profito estos por vi.

Okaze de la edziĝoj de s-o Ignacy Wiesenberger, fervora delegito de U. E. A. en Kraków kaj s-o Jakób Leibel kun f-ino Dora Anisfeld, anoj de la Societo Esperanto en Kraków ni esprimas niajn plej korajn gratulojn kaj bondezirojn.

Pro la 90-jara naskiĝtago de s-ino Anna Tuschinski, konata Esperanto-patrineto el Danzig, kaj 60-jara naskiĝtago de s-ro A. Bischitzky el Praha, prezidanto de „Verda Stelo", ni esprimas niajn plej korajn gratulvortojn kaj bondezirojn.

Individuajn informojn pri la kongreso en Parizo donados komisiite de P. E. D. — simile kiel en la pasintaj jaroj — s-ano **Ludwik Kutscher, Kraków, Red. de P. E. Lubicz 34.** Generalaj informoj estos konigataj per P. E. Ĉe ĉiuj demandoj estas necesa poŝtmarko por respondo.

Okaze de la proksima „Festo de la libro" aĉetu la librojn en **„Libreja Fako de Pola Esperantisto"**. Nova katalogo de libroj senpage!!

. **Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss, Kraków.**
**Drukarnia Ludwika Gronusia i Ski w Krakowie, ul. Stolarska 6.**

## ĜUSTIGO AL LA „ADRESLIBRO".

La malica „preseja diableto" presigis en la „Adreslibro de Pollandaj Esperantistoj", paĝo 99. Nr. 1396 ĉe la tiom bone konata, meritplena Dro Jan Mędrkiewicz lian profesion kaj adreson identan kun la najbaro de supre (Nr. 1395), t. e. forĝisto, ul. Gazowa 9. anstataŭ „kuracisto", skr. p. 74. Pardonpetante s-on Dron Mędrkiewicz pro la malagrablega al mi perseraro, mi petas ĉiujn posedantojn de la Adreslibro korekti tiun linion kiel indikite.

**La Redakcio.**

---



---

## NE FORGESU RENOVIGI LA ABONON POR J. 1931!

**Pagu la abonon je nia konto PKO 406.660.**

**Abonu mem kaj varbu novajn abonantojn por la sola esperanta gazeto en Pollando!**
**Abonu la polan propagandan revuon „Pomocniczy Język Światowy".**

---


Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss.

**Drukarnia Ludwika Gronusia i Ski w Krakowie, Stolarska 6.**